


# INTERNACIA FERVOJISTO

## 2015.4



***La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn***

# PENSOJ POST LA 67-a IFEF-KONGRESO

Bedaŭrinde pro mia malbona sanstato mi ne povis partopreni en la 67-a IFEF-kongreso, okazinta en pitoreska ĉina urbo Kunming, sed post la kongreso mi ricevis multajn opiniojn, taksadojn kaj rakontojn pri la kongreso. Ĉiuj laŭdis la entuziasman laboron de la LKK-anoj kaj la multaj helpantoj, la cirkonstancojn, la belegajn urbojn kaj regionojn, la dumkongresajn kaj postkongresajn ekskursojn kaj la kulturajn programojn, eĉ ankaŭ la kunsidojn kaj fakprelegojn.
Mi legas la kongreslibron, kaj mi malĝoje konstatas, ke el Eŭropo partoprenis entute 42 personoj, kaj el la „vivantaj" landaj asocioj bedaŭrinde partoprenis neniu el Germanio, Danio, Pollando, Kroatio, Slovenio, eĉ el Ĉeĥio kaj Hispanio nur unu persono. Kompreneble mi scias, ke la longa distanco inter Eŭropo kaj Ĉinio, eĉ la suda parto de Ĉinio detenis multajn fervojistajn esperantistojn por vojaĝi tien, kaj ankaŭ la vojaĝkosto donis fortan pripensadon. Mi esperas, ke en la sekva IFK, okazonta en la bulgara apudmara urbo Varna, jam denove estos multajn partoprenantojn.
La ĉinoj estas bonaj organizantoj, ĉar ili jam en la pasinta jaro klopodis kaj instigis la fakulojn por fari fakprelegon pri la fervojoj. Pro tio la partoprenantoj aŭskultis pli ol dek fakprelegojn, resp. fervojajn novaĵojn. Multaj el ili okazis per lumbildoj kaj estis tre interesaj, ĉar la eŭropanoj aŭskultis novaĵojn ĉe la Ĉina Fervojo, kaj la ĉinoj pri la Eŭropaj Fervojoj.
Dum la komitatkunsidoj la komitatanoj laboris efike, kaj ili analizis la situacion kaj la estonton de IFEF, kaj decidis pri la pluaj farendaĵoj. Laŭ mia opinio la kontinua agado por IFEF kunportos la rezulton.

**István Gulyás**

## FRONTPAĜO:
**Partoprenantoj en la 67-a IFEF-Kongreso en Kunming (Ĉinio)**

## ENHAVO:

## 67-a Kongreso de IFEF, kaj 11-a Ĉina Kongreso de Esperanto.

En majo, mi plezurvojaĝis unu semajnon al Kunming, ĉefurbo de la Yunnan-provinco, en sud-okcidento de Ĉinio. Mi ne povis vojerari : Mia edzino Manjuan en Changsha, kie mi loĝas, entrajnigis min, kaj ĉe la alveno du esperantistoj akceptis min ! Sur malmola kuŝloko mi veturis 1580 kilometrojn de Changsha ĝis Kunming en 24 horoj. Ni trairis belegajn valojn sur longaj viaduktoj kaj la montojn per tuneloj. En la kamparo la kamparanoj diligentas en la akvoplenaj rizkampoj. La trajno alvenis kun kelkaj minutoj da malfruo post 3200-kilometra veturo de Pekino ĝis Kunming en 40 horoj ! Dum miaj restadoj en Ĉinio, mi vojaĝadis milojn da kilometroj kaj ĉiam miras pri la akurateco, la komforto kaj la sekureco de la ĉinaj trajnoj daŭre plenaj je pasaĝeroj ! Alveninte en la Kunming-stacion, mi vidis mian nomon sur panelo super la granda homsvarmo, kiel en ĉiuj ĉinaj trajnstacioj. Temas pri du ĉinoj el la organiza komitato, kiuj akceptis min. Ili aŭtomobile veturigis min al granda [illegible] ĉe la rando de grandega lago ekster la urbo. Kunming, same kiel Changsha, tre vastas kun 7 milionoj da loĝantoj, enkalkulante la kunurbojn. Estis sabato kaj akceptotago de la kongresanoj. Inter ili, venantaj el pluraj landoj, mi grandplezure retrovis kelkajn.



*Dum la inaŭguro de la kongreso*

Dumkongrese mi kuntranoktis kun Ladislav Hakl, fervojisto en la ĉeĥa fervojo. Ni diskutis pri la fervojoj en Eŭropo kaj Ĉinio. Li prezentis al mi sian prelegon pri la vartrafiko en Eŭropo kaj mi al li parolis pri mia trajnvojaĝo al Irano. Ni kompar-diskutis niajn ideojn cele finplibonigi niajn raportojn, kiujn ni estis prezentontaj dum la kongresa semajno. Mi renkontis ankaŭ emeritan inĝenieron (Emil Tudorache) el la rumana fervojo, li parolas plurajn lingvojn, el tiuj Esperanton. Li venis en la lokomotivejon de Thionville (departemento Moselle), en 2005, por aĉeti malnovajn elektrajn lokomotivojn BB 25100 el SNCF (franca fervoja entrepreno) por privata rumana fervojentrepreno. En tiu fervoja laborejo mi pasigis parton de mia fervojista vivo, riparante varvagonojn. La mondo iafoje malgrandas. La rumanoj estas niaj latinaj kuzoj.

Kelkfoje, kiam ili parolas sian lingvon, mi sukcesas kompreni la temon de la diskuto ĉar iuj vortoj proksimas al la francaj. Ili ĉiuj lernis en lernejo la francan lingvon, kaj foje ŝatas diri kelkajn francajn esprimojn. Dimanĉe matene okazis la inaŭguro de la kongreso en belega kunvenejo plenplena je pli ol ducent esperantistoj el 13 landoj el Eŭropo kaj Ĉinio. Ĉiu havis sian teotason regule plenigata de la deĵorantoj. La kadro kaj etoso estis tre solenaj. Post salutado de la eminentuloj el pluraj ĉinaj organizaĵoj kaj el *Internacia Fervojista Esperanto-Federacio* (IFEF), la delegitoj de la fervojistaj asocioj el ĉiuj ĉeestantaj landoj salutis la publikon. Mi dufoje iris al la mikrofono por saluti unue nome de la Franca Fervojista Esperanto-Asocio, kaj due, ĉe la fino, por *Sennacieca Asocio Tutmond (SAT),* kiun mi reprezentis. La kulturaj vesperoj ne lasis lokon al enuo. La kvar spektakloj, prezentitaj de la studentoj kaj iliaj profesoroj de la artkolegio de Kunming, estis mirindaj : baletoj, dancoj, kantoj, klasikaj kantoj kun oper-kantistoj, akrobatoj ktp. Koruso kantis en Esperanto "*La iamo estas longe for*" ! La kostumoj, la roboj kaj la dekoracio estis kolorplenaj kaj belegaj ! Temas pri veraj profesiuloj, kiuj certe laboris dum multaj horoj dum jaroj por atingi tian altkvalitan kaj perfektan nivelon ! Ni ĉiuj miregis ! Por la prelegoj, la teamoj de la interreta revuo "*El Popola Ĉinio*" kaj de "*Ĉina Radio Internacia*", prezentis siajn aktivaĵojn en Esperanto. Prelegplena tago kun almenaŭ dek temoj prezentitaj de la kongresanoj : grandrapideco en Italio, la fervojo en Svisio, la fervojo en Yunnan, la vartrafiko kaj la var-fervojkoridoroj en Eŭropo ktp. Mi prezentis mian rakonton pri mia trajnvojaĝo tra centra Eŭropo, la Balkanoj, Istanbulo kaj Irano, ilustrante ĝin per fotoj. La prelegantoj faris grandan preparlaboron helpe de dokumentoj kaj lumbildaroj uzante multajn Esperantajn fervojfakajn terminojn pri plej avangardaj fervojaj teknikoj.En restoracioj la ĉina kuirarto el Yunnan estas tre riĉa kaj bongustega. Estas granda diverseco de manĝaĵoj kaj eblas sin servi laŭvole. Kelkaj pladoj estas iom spicitaj sed eblas elekti aliajn pli dolĉajn ! Fine de la semajno, la neĉinaj kongresanoj iom pli lertis en uzado de manĝbastonetoj.



*En amika rondo*

La unua duontaga ekskurso kondukis nin aŭtobuse kaj poste seĝtelfere al la monto *Xishan* (Okcidenta monto) kie la panoramo al lago *Dianchi* estas tre larĝa kaj belega. La vegetaĵaro tre densas. Ni piedis laŭ montflanka vojeto, kiu finiĝas per mallarĝa tunelo. La dua duontaga ekskurso komenciĝis per vizito al la fervoja muzeo de la Yunnan-provinco. Tiun linion konstruis francoj inter 1904 kaj 1910. La muzeo - aranĝita en 1990 en francstila stacidomo - prezentas materialon pri ekspluatado kaj bontenado, maketojn kaj multajn malnovajn fotojn. En montrofenestro, mi ekvidis du relpecojn fabrikitajn en mia regiono Lorraine, en Micheville kaj en Joeuf ! En granda halo, sur pluraj trakoj, estas ekspoziciata trakveturil-aro : vapor- kaj dizel-lokomotivoj, pasaĝervagonoj, elementoj el grandrapida trajno. Ne eblas maltrafi belegan unikan motorvagonon « Michelin », ekipitan per pneŭmatikoj en 1932, kiu kunligis la urbon Kunming al Vjetnamio. La Yunnan-fervojo konsistis el linio unu metron larĝa kaj ĉirkaŭ 855 kilometrojn longa, kunligante Hanojon al Kunming. Tiu grandega entrepreno, financita de francaj bankoj, vaste baziĝis sur sistema uzado de laboristaro kulia, ĉina kaj ĉefe annama. La malfacilegaj laborkondiĉoj, la klimato, la malsanoj, la sovaĝaj bestoj, la ripetiĝantaj sociaj konfliktoj igis tiun ekspedicion homperdejo. El la 67 000 dungitoj, kiuj partoprenis en la terfosado kaj en la prikonstruo de la trakoj, 12 000 mortis ! Ankaŭ 80 inĝenieroj forpasis en tiu giganta konstruejo ! La ekskurso finiĝis en la urbo ĉe la rando de la "Verda Lago" borderita de salikoj kaj bambuoj. Estas agrabla promenloko, kie la ĉinoj grupe praktikas dancon, gimnastikon aŭ tajĝiĉuanon. Iuj ludas kordinstrumentojn kaj kantas, aliaj ludas



*En la fervoja muzeo*



*Dum la ekskurso*

kartojn aŭ maĝangon.

Ankaŭ la tuttaga ekskurso la kongresanojn bele impresis pro escepta natura loko, la ŝtonarbaro. De malproksime, eblas vidi arojn da pintaj megalitaj rokecaj kolonoj. Ili staras al la blua ĉielo, tial oni ilin nomas "la ŝtonarbaro". Post paŝado sur 5-kilometra tervojeto oni ekvidas diversajn rokformojn, ŝton-murojn kaj -kolonojn, el kiuj iuj altas de 40 ĝis 50 metrojn. Iuj ŝtonoj similas ĉevalon, elefanton, fenikson aŭ homon.

Krom tio, la IFEF-membroj kaj fervoj-amantoj venis ankaŭ por partopreni en la laborkunsidoj de IFEF por bilanci ĝiajn aktivaĵojn kaj paroli pri ĝia disvolviĝo kaj pri la diversaj projektoj de la federacio. La venontan kongreson en majo 2016 bilde prezentis bulgaraj fervojistinoj. La loko decidita estas urbo Varna, ĉe bordo de la Nigra Maro.

La lastan tagon, vendredon, ni disiĝis. Al la postkongreso aŭtobuso veturigis ĉirkaŭ 40 esperantistojn, kiuj dum kvar tagoj estis malkovrontaj la pitoreskajn Yunnan-pejzaĝojn : la montojn, lagojn kaj kaskadojn. Ilin mi forte esperas ekvidi en alia okazo !


*La kultura vespero*

Posttagmeze, mi aŭtobuse iris al la trajnstacio, kaj poste mi trajne veturis al Changsha, kie min atendis Manjuan. Mia kapo plenis je memoraĵoj kaj novaj scioj akiritaj dank'al esperantaj diskutoj kun tiom da agrablaj kaj simpatiaj personoj.

Same kiel mi, ĉiuj amikoj tre miris vidi la fulmrapidan disvolviĝon de Ĉinio. Ĉie, en ĉiuj urboj de la lando kaj en la kamparoj, senĉese konstruiĝas ĉielskrapantoj, pontoj, aŭtoŝoseoj, flughavenoj kaj grandrapidaj linioj. La loĝantaro de la kamparoj pli kaj pli migras al la grandaj urboj por labori. La ekonomia disvolviĝo ebligis pliriĉigi milionojn da ĉinoj. Sed mi estas konsternita de kiam mi vivas en Ĉinio. Tiu senbremsa produktivismo poluas kaj elĉerpas la riĉofontojn de nia planedo : la sablo por produkti betonon, la energiaj fontoj, la akvo, la kultiveblaj teroj…

**Bruno Henry**

Jen ligilo al 4-minuta filmeto, kiu resumas la du kongresojn kunorganizitajn en Kunming :
http://www.espero.com.cn/2015-05/19/content_35608710.htm




# PROTOKOLO PRI LA PUBLIKA KOMITATKUNSIDO

## en la 67-a IFEF-kongreso en Kunming (CN) 19.05.2015

Mallongigoj: Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, Hm = honora membro, Hp = honora prezidanto, l.a. = landa(j) asocio(j). (Landkodoj duliteraj, laŭ normo ISO 3166)
NB: **Ĉiuj raportoj aperis aŭ aperos en Internacia Fervojisto**

**1. Malfermo, konstato de la mandatoj**

La Pr-ino Rodica Todor malfermas la kunsidon, salutas kaj bonvenigas la ĉeestantojn.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ĉeestas la estraranoj: | Pr-ino | Rodica Todor | (RO) |
| | Sk | Vito Tornillo | (IT) |
| | Ks | Laurent Vignaud | (FR) |
| | An-Ĉk | Florin Negrea | (RO) |

La Sk laŭstatute alvokas la rajtigitojn kaj listkalkulas la ĉeestantojn.

| Lando | Kodo | Komitatano |
|---|---|---|
| **Aŭstrio** | **AT** | **Ernst QUIETENSKY** |
| **Belgio** | **BE** | **Clara BRACKE** |
| **Bulgario** | **BG** | **Petja ALEKSANDROVA** |
| **Ĉeĥio** | **CZ** | **Ladislav HAKL** |
| **Ĉinio** | **CN** | **Han ZUWU** |
| **Francio** | **FR** | **Bruno HENRY** |
| **Francio** | **FR** | **Laurent VIGNAUD** |
| **Hungario** | **HU** | **Marta PINTER** |
| **Italio** | **IT** | **Romano BOLOGNESI (Hp)** |
| **Rumanio** | **RO** | **Florin NEGREA** |
| **Ĉeesto:** | **9** | **10** |

**2. Ricevitaj telegramoj, leteroj.**

Estis invititaj saluti nome de ILEI s-ino Luigia Madella- Oberrauch, kaj nome de FISAIC Andras Barcsa.

La Sk legas la alvenintajn mesaĝojn:
De Marica Brletic' pr-ino kaj k-ano de KFEA kaj Hm de IFEF.
De la Ĉk Jindrich Tomiŝek, kiu ne ĉeestis.
De s-ro Ernst Glattli el Svisio, s-ro Erik Mortensen el Danio, s-ro Wieslaw Libner el Pollando. De s-ro Carlo Sarandrea el Esperanto-Redakcio de Radio Vatikana, dum la vespera E-elsendo de la 17-a de majo oni salutos la IFEF-Kongreson.

Radio Havano Kubo fare de redaktorino Maritza Gutiérrez Gonzáles elsendis salutmesaĝon por la okazantaj 2 kongresoj en Kunming,

**3. Honorigo al la mortintoj**

La Sk legas la nomojn de la mortintoj, pri kiuj oni eksciis de la 66-a IFK-San Benedetto del Tronto 2014 ĝis la 67-a IFK-Kunming 2015. Oni honorigas ilin per unuminuta silenta starigado; ili ripozu pace.

| L | Antaŭnomo | Familia nomo | Naskdato | Mortdato | Aĝo | Menciindaĵo |
|---|---|---|---|---|---|---|
| AT | Mathias | STOHL | 06.07-1929 | 06-08-2014 | 85 | |
| ĈZ | Růžena | KOLENSKÁ | 24.11.1937 | 30.05.2014 | 77 | |
| ĈZ | František | STRUMÍNSKÝ | 18.08.1922 | 10.12.2014 | 92 | |
| DK | Astrid | BIRKBAK | 05-12-1933 | 04.11.2014 | 81 | |
| FR | Joseph | DUGUÉ | 03.03.1931 | 11.11.2014 | 83 | |
| GE | Maximilian | WIESMANN | 31.08.1922 | 09.10 2014 | 92 | FES HM 1991 |
| GE | Werner | HEIMLICH | 08.12.1925 | 25.08.2014 | 89 | |
| GE | Wilhelm | BARNICKEL | 02.09.1921 | 26.09.2014 | 93 | HM de IFEF 1996 |
| GE | Heinz Dieter | HARTIG | 13.11.1928 | 05.11.2014 | 86 | HM de IFEF 2001 |
| HU | János | PATAY | 18.02.1929 | 30.01.2015 | 86 | HM de IFEF 2000 HFM Rd |
| NO | Per | ENGEN | 01.06.1924 | 25.05.2014 | 90 | HM de IFEF 1988 HP de IFEF 1998 |
| HR | Elfrida | KOREN | 15.02.1919 | 15.06.2014 | 95 | |
| | | | | | | |

**4. Estraranaj raportoj**

**4.1. Sekretario**

La Sk legas la resuman raporton. La raporto aperis en IF 2015-3. Neniu demando, nek rimarko. Unuanime aprobita.

**4.2. Redaktoro**

La Pr-ino legas la Rd-an raporton kiu aperis en IF 2015-2. Neniu demando, nek rimarko. Unuanime aprobita.

**4.3. Kasisto**

La Ks legas kaj prezentas la tabelojn de la raporto kiuj aperis en IF 2015-2. Unuanime aprobita.

**5. Buĝeto 2015, kaj kotizkonfirmo**

Pri kotizo jam okazis diskuto. Buĝeto unuanime aprobita.

**6. Protokoloj de la 66-a IFK San Benedetto del Tronto (IT)**

Unuanime aprobitaj.

**7. Raporto de la ĉefkomitatano:**

La anstataŭanto de la Ĉk legas la raporton. Neniu demando, nek rimarko. Unuanime aprobita.

**8. Kongresproponoj:**

La kongrespropono de GEFA jam estis traktata dum la estrar-komitatkunsido en Dijon, ĝi estas nur menciita al la ĉeestantoj por informi ilin pri la decido.

Rilate la temo pri la statuto, estis klarigoj al la asembleo pri la modifoj kaj pri la rezulto de la reta baloto. La sekvaj aldonoj al la statuto kaj regularoj estis aprobitaj kun 1 sindeteno.

**9. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**

**9.1 Gvidanto**

S-ro Ladislav Hakl, delegito de FK, legas la raporton kaj informas pri la apero de la FervojFaka Kajero n° 23, reta versio, kies temoj rilatas al la « Inno Trans » ekspozicio kiu okazis pasintjare en Berlino dum la monato de septembro. La membroj de la FK vizitis ĝin. Unuanime aprobita.

**9.2 Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)**

S-ro Hakl legas la raporton de la Sk de FAS. Unuanime aprobita.

**9.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)**

S-ro Hakl legas la raporton de la Sk de TS. Unuanime aprobita.

**10. Raportoj de la komisiitoj**

**10.1 Komitatano „A” de IFEF ĉe UEA.**

La Pr-ino voĉlegas la raporton de la Vpr-ino, kiu dum la jaro 2014 estis ankoraŭ respondeculo. Unuanime aprobita.

**11. Resumo de la jarraportoj 2014 el la landaj asocioj**

La Pr-ino legas la raporton, ĝi aperos en nia faka revuo “Internacia Fervojisto”. La Pr-ino plendas pro la fakto, ke bedaŭrinde neniu l.a. raportis pri la agado de la komisionoj kaj laborgrupoj dum la lasta jaro, kvankam la membroj de ili agis kaj raportis pri la agado. Kelkaj l.a. ne sendis la raporton. Unuanime aprobita.

**12. Analizo pri la situacio kaj la estonto de IFEF**

La agado de la laborgrupoj dum lastaj monatoj montris ke la membroj povus esti revekitan se oni stimulas ilin. Kvankam ne estas grava sukceso, sed okaze de la statutŝanĝoj diversaj membroj partoprenis en la diskuto. La celo estas same por ĉiuj aliaj komisionoj kaj laborgrupoj, stimuli al la diskuto kaj kunlaboro la membrojn por krei novajn eblecojn al ĉiuj por varbi pri IFEF kaj Esperanto.

La sperto de la reta baloto por la statuto montras ke la novaj teknologioj estas je nia dispono, ĝi estas ilo al kiu ni pli ofte devos atingi por niaj decidoj, kvankam la distancoj estas kaj estos ĉiam pli mallongaj danke al la rapidaj trajnoj kaj al pli malmultekostaj aviadiloj, ni ne devu prokrasti niajn diskutojn kaj interagadojn nur al la kunsidoj dum la kongreso. Ĉijare okazis nekutima situacio, dum la kongreso en Kunming pli ol la duono de la k-anoj ne partoprenis, pro tio gravaj decidoj estus prokrastitaj senfine. Do, dankon al ĉiuj pro la kunlaboro kaj al la bona rezulto de la venontaj retaj decidoj.

**13. Rilatoj al aliaj organizoj: UEA, FISAIC, ILEI, SAT, UMEA, ISAE.**

**13.1 UEA**

La Pr-ino partoprenos la UK-n en Lille, ŝi prezidos la fervojistan kunvenon kiu okazos lunde, pri la horaro oni devos kontroli la kongreslibron. Dum la UK okazos ankaŭ la fervojista tago kun vizito al la regeĵo de la rapida linio kiu troviĝas proksime de Lille. La interesitoj devu kontakti la francajn kolegojn por mendi la viziton. La rilatoj kun UEA estas bonaj, kaj oni kunlaboras al la realigado de la agadplano de UEA kaj la celo de la fakaj asocioj.

**13.2 FISAIC**

La rilatoj kun FISAIC estas denove esperoplenaj, pro la proponoj de la nova ĝenerala sekretariino kiu intencas postlasi ĉiujn malnovajn problemojn kaj malfermi FISAIC al novaj interesoj por ĉiuj membroj de FISAIC mem. Ni estas je dispono por kunlabori, komence por traduki en la naciajn

lingvojn la protokolojn de la kunvenoj de FISAIC.

La venonta FISAIC kunveno (prezidium) okazos en septembro en la urbo Liberec (CZ), al ĝi partoprenos niaj kolegoj el Ĉeĥio kaj eble el Germanio.

**13.3 ILEI**

La rilatoj bone daŭrigas, en Kunming s-ino Madella enkondukis E-kurson por komencantoj al kiu partoprenis 5 personoj. Ŝi sin proponis kunlabori kun la FK por akiri informojn pri fakaj terminoj kaj daŭrigi la projekton de Stefan MacGill pri la faka instruado. Ŝi kiel membro de IFEA kunlaboros ankaŭ en la komisiono pri instruado, kun antaŭvido de venontaj kunlaboroj inter la du organizoj.

**13.4 ISAE**

Nenio nova, la prezidanto havis rilatojn kun la IFEF Pr- ino.

**13.5 SAT**

Nenio nova.

**13.6 UMEA**

La rilatoj daŭrigas pere de interŝanĝo de la revuoj kaj de utilaj informoj ambaŭflanke.

**14. Venontaj kongresoj**

**14.1 Konfirmo de invito al la 68-a IFK en 2016**

La Bulgara Esperanta Fervojista sekcio de BEA prezentas la proponitan urbon Varna por tagoj de la 21-a ĝis la 28-a de majo 2016. Unuanime aprobita.

**14.2 Elekto de lando por la 69-a IFK en 2017**

Estas la propono de Kubo, sed pro diversaj kialoj la k-o decidis ke ankoraŭ ne povos okazi tie en la jaro 2017. Oni serĉas aliajn eblecojn en Eŭropo.

**14.3 Diskuto pri pluaj eblecoj**

Restas la propono kongresi en Kubo.

**15. Eventualaĵoj**

Neniu petas parolon.

**16. Libera diskutado**

Nenio.

Manke de aliaj intervenoj, la Pr-ino fermas la kunsidon.

La sekretario
**Vito Tornillo**

**Kunming, 19.05.2015**

# Resuma jarraporto de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 2014

La landaj asocioj de IFEF, surbaze de la dissendita demandilo, preparis siajn jarraportojn pri la jaro 2014. La resuma jarraporto ne estas kompleta ĉar malgraŭ pluraj alvokoj ne alvenis jarraporto el Germanio, Japanio, Norvegio kaj Slovakio.

## 1. La landaj asocioj

La landaj asocioj raportas pri 1018 membroj, kiu nombro estas kun 111 membroj malpli ol en la antaŭa jaro.

Se ni ekzamenas la tendencon de la malkresko de la membro-nombro de landaj asocioj, ni konstatas, ke ekde la jaro 2001 en ĉiuj jaroj grave malkreskis tiu nombro. En 2001 la membro-nombro estis 3160, en 2005 tiu estis 2310, en 2010 tiu nombro estis 1710, kaj en la jaro 2014 estis nur 1018. La kaŭzo de la kontinua malkresko estas, ke grave maljuniĝas la fervojista Esperanto-movado, la gejunuloj ne venas al ni. Bedaŭrinde malboniĝas la ekonomia situacio en la tuta Eŭropo, eĉ preskaŭ en la tuta mondo, kontinue ŝanĝiĝas la fervojaj organizoj, pro tio malkreskas la nombro de fervojistoj, kaj disvastiĝas la angla lingvo sur ĉiu tereno de la vivo.

Laŭ la raportoj 12 landoj havas malpli ol 50 membrojn, 2 landoj havas membrojn inter 51 kaj 100, 1 lando havas membrojn inter 101 kaj 200, kaj unu lando havas pli ol 200 membrojn.

Laŭ la kotizoj IFEF nombras – kune kun la 9 individuaj membroj – 386 membrojn, kiu nombro estas kun 56 membroj malpli ol en la antaŭa jaro.

Se ni komparas la membro-nombron de IFEF kun la pasinta jardeko, la rezulto ankaŭ montras bedaŭrindan aferon. En 2001 la membro-nombro de IFEF estis 992, en 2005 estis 718, en 2010 estis 515, kaj en la jaro 2014 estis nur 386. Tio estas malgaja tendenco. En Danio kaj Italio ĉiuj siaj membroj estas IFEF-anoj.

La raportoj indikas la kreskon da emerituloj. En ĉiuj landoj la indiko egalas aŭ superas 50%-ojn.

## 2. Taskoj de la landaj asocioj

Naŭ landaj asocioj agadis laŭ la akceptita laborplano, kaj kolektis indikojn pri la historio de la landa fervojista Esperanto-movado.

## 3. Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj

Dekunu landoj raportas pri interrilatoj kun la fervoja administracio. El ili ses asocioj ricevis aŭ financan subtenon, aŭ senpagan bileton por

oficiale vojaĝi al kongresoj kaj ceteraj Esperanto-eventoj, eĉ kelkaj landaj asocioj senpage ricevis specialan ejon por kunveni.
Nenie troviĝas Esperanto-klarigo kaj instrukcioj en oficiala fervoja horaro.
Du landaj asocioj kontaktis kun sindikatoj, kaj unu ricevis apogon.
Ok landaj asocioj havis rilaton kun la landa FISAIC-sekcio, tri landaj asocioj ricevis financan subvencion aŭ alian helpon de la landa FISAIC-sekcio. Kvin landaj asocioj havas oficon en la FISAIC-organizaĵoj.
Naŭ landaj asocioj havis kontaktojn kun libertempaj, kulturflegantaj, artaj, sportaj aŭ religiaj organizoj.

**4. Organizado de jarkunvenoj kaj aliaj renkontiĝoj**

En Aŭstrio, Belgio, Ĉinio, Kubo, Pollando kaj Serbio ne okazis jarkunveno en la jaro 2014. Entute 231 partoprenantoj ĉeestis dum la jarkunvenoj, 14 eksterlandaj gastoj estis en 3 landoj. En kvar jarkunvenoj okazis fakprelegoj aŭ distraj kaj ekskursaj programoj.
Kvar landoj aranĝis aŭ partoprenis fervojistan aŭ komunan internacian Esperanto-renkontiĝon.

**5. Interrilatoj kun Esperanto-organizoj**

Laŭ la raportoj dektri landaj asocioj havis interrilatojn kun sialanda asocio de UEA. Nur en Bulgario la fervojistaj esperantistoj interrilatis kun SAT organizaĵo. Dek asocioj havis bonajn interrilatojn kun aliaj Esperanto-organizaĵoj.
Entute estas 32 fervojistaj fakdelegitoj ĉe UEA el 11 landoj.

**6. Informado en la plej vasta senco**

La fervojistaj esperantistoj en kvar landoj aranĝis ekspozicion, en ses landoj plenumis kromajn aktivecojn (flugfolioj, afiŝoj, retpaĝoj…).

Naŭ landaj asocioj en propra medio informis la publikon pri Esperanto-eventoj, movadaj aktualaĵoj pere de fervojistaj gazetoj kaj aliaj fakaj kaj publikaj regionaj ĵurnaloj. Kvar landaj asocioj raportas pri faritaj fakprelegoj kaj fakartikoloj.

**7. Instruado**

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj – escepte Danio, Hispanio, Pollando kaj Slovenio – raportas pri la aranĝoj de Esperanto-kursoj. Entute partoprenis 163 kursanoj. La plej granda nombro de la kursanoj estis en Ĉeĥio, Ĉinio, Francio kaj Hungario.
La lingvokursoj estis memstare en naŭ landoj, kaj kvar landoj aranĝis tion komune kun la landa Esperanto-asocio aŭ aliaj Esperanto-organizoj.

### 8. Junulara agado

Ses landaj asocioj raportas pri entute 56 junaj membroj (ĝis 30 jaraĝo) el ĉiuj asociaj membroj. En Ĉinio 21, en Hungario 32, en Bulgario, Italio kaj Rumanio nur 1 junulo troveblas. Memstara junulgrupo ne ekzistas.
Malgraŭ propagando, kongresoj, klubkunvenoj kaj aliaj allogaj programoj akiri novajn membrojn el la junularo estas vana afero. Ni devas konstati, ke la fervojista Esperanto-movado rapide maljuniĝas, kaj sen nova generacio ni ne havos estonton. Tio estas la plej granda problemo en la kadro de nia movado.

### 9. Landaj organoj

En la jaro 2014 ok landaj asocioj eldonis propran organon. En Bulgario, Ĉinio, Danio, Francio, Hispanio kaj Hungario aperis kvarfoje, en Italio dufoje, en Rumanio dufoje rete. La nombro de la jara paĝo estis 509, laŭlande ĝi varias inter 12 kaj 104 paĝoj.Tri landoj eldonis ĝin pure en Esperanto.Sep landoj havis spacon en aliaj organoj.

### 10. Faka agado

Sep landaj asocioj raportas pri la agado en la terminara laboro.
Sep jarraportoj mencias pri faka aktiveco, pri verkado kaj traduko de fakaj tekstoj kaj materialoj.

### 11. Ekonomio

En kelkaj landoj nur la subvencioj, la enpagitaj jarkotizoj kaj la redukto de la elspezoj povis ekvilibri la financan staton. En tri landoj la ekonomia situacio kaj la financa stato estis sufiĉe bona kaj kontentiga, kvin landoj havis modestan ekvilibron. En Belgio, Ĉinio kaj Hispanio la ekonomia situacio estas malbona.

### 12. Fina komentario

La ĝenerala situacio de la fervojista Esperanto-movado ne estas bona. La plej gravaj problemoj estas la senrezulta klopodo por varbi novajn membrojn, la maljuniĝo de la membraro de la asocioj, la manko de gejunuloj, kaj la manko de la intereso por Esperanto inter fervojistoj.
Estas grava problemo, ke kontinue malkreskas la membro-nombro de la fervojistaj esperantistoj, kaj la membro-nombro de IFEF. Ni devas trovi taŭgajn metodon kaj eblecojn por plibonigi la laborojn de niaj landaj asocioj kaj la agadojn de IFEF, helpe de la Laborplano de IFEF.

**Sylviane Lafargue**
Vicprezidantino de IFEF

# Terminologia angulo

## Pri trafikrega centralizado

Komence temas pri **regejo** kun *UIC*-difino:

Memstare lokita teknika instalaĵo por regi trakforkojn kaj signalilojn, ebligi ties interrigladon, aranĝi, rigli kaj malrigli itinerojn, indiki funkcistatojn, sekurigi trajnajn kaj manovrajn veturojn.

Ĝis terminaro *RailLexic 3.0* kaj antaŭ PIV-suplemento de 1987 estis ĥaoso el la vortoj „trakreg(ad)ejo" kaj „reg(ad)ejo", kiun IFEF-Terminara Sekcio (TS) antaŭ jaroj forigis.

Ĉe mekanika regejtekniko, en plej multaj stacioj troviĝas pluraj regejoj. Iu de ili estas **ĉefa regejo**, kie laboras **trajntrafikestro** donanta ordonojn al la samstaciaj **regejestroj.** Regejoj ekzistas ankaŭ ekster stacioj, nome en disforkejoj (kun trajntrafikestro) kaj kiel nura **kantoniga regejo** (kun kantoniga regejestro).

Ĉe moderna, ĉefe relajsa regejtekniko, stacioj havas nur unu **centran regejon** (kun trajntrafikestro).

.Ĉe plej moderna, elektronika regejtekniko, centralizado forte antaŭenpaŝas. Estiĝas ejoj por regi kompletan fervojlinion aŭ eĉ ampleksan parton de fervojreto. Por terminologie distingi ilin de enstaciaj centraj regejoj, TS elektis la terminon **„regadcentrejo"**. Tie unu aŭ pluraj trajntrafikestroj teleregas lokajn senpersonarajn elektronikajn regejojn. Aŭtomataj kantonigaj signaliloj anstataŭas kantonigajn regejojn.

Ĉe manovrado precipe en senpersonaraj stacioj servas instalaĵoj por loka komutado de trakforkoj. Por distingi ankaŭ ilin de regejo, TS elektis la terminon **„komutejo".** Koncerna manovradzono estas malŝaltebla de la regejo.

**Heinz Hoffmann**

sekretario de IFEF-Terminara Sekcio

# ALVOKO
# Fervojfaka vizito en la Universala Kongreso en Lille

Mardon la 28-an de julio 2015 matene okazos faka vizito de la Regad-centrejo kaj Trafikreguligejo dum la 100-a UK en Lille. Temas pri la loko, kie fervojistoj administras kaj kontrolas la trajntrafikon de la grandrapidaj fervojlinioj al/el Lille: Lille-Paris, Lille-submanika tunelo…
Ĉar la vizito postulas antaŭregistriĝon, kaj ĉar la nombro da vizitontoj estas limigita, interesiĝantoj kiel eble plej frue bonvolu sendi elektronikan kopion de via identigilo (nacia identigilo aŭ pasporto) al Laurent VIGNAUD: laurent.vignaud@free.fr.
Limdato estas 15-a de julio 2015.

**La red.**

## KONCEPTO POR LA PROJEKTO „SUPER"

**(Sukuristoj per Esperanto Reagas)**

**Solvenda problemo kaj elirkondiĉoj.**




Katastrofoj ie en la mondo (tertremoj, inundoj, uraganoj, epidemioj k.a.) necesigas tujan helpon de la internacia komunumo. Tiu unua helpo preskaŭ ĉiam rapide okazas. Ekzistas multaj bone preparitaj internaciaj neregistaraj organizoj, kiuj disponigas tiun helpon (ekz. la Ruĝa Kruco kaj aliaj), sed ekzistas ankaŭ privataj iniciatoj aŭ naciaj organizaĵoj, kiuj kutime rapidas al la loko de la katastrofo por helpi celante savi vivojn. Dua ondo venas iom poste por organizi pluvivadon de trafitaj homgrupoj, flegi vunditojn kaj eviti epidemiojn. Tria ondo alvenas poste por rekonstrui la landon.
La unua grava problemo estas, ke ĉiuj tiuj helpantoj ofte ne estas bone kunordigitaj kun la konsekvenco, ke fakte kelkfoje unu malhelpas la alian. Ekzemplo el la pli juna pasinteco estas la internacia helpo post la tertremo en Haitio en la jaro 2010. Solvo de tiu problemo estas la tasko de laŭeble kreota mastruma instanco, kiu havu superrigardon.
Al la unua problemo rilatas dua, la fakto, ke lingvaj baroj ofte malhelpas kaj la kunlaboron de la helpantoj inter si kaj la peradon de gravaj

informoj inter la helpatoj kaj la helpantoj. Fidindaj raportoj pri tiu dua problemo abundas. Unu solvopropono estis la fondo de „Translators without Borders” (Tradukistoj sen limoj), kiu jam efike funkcias. Tamen ne ĉiuj lingvoj estas disponeblaj. Eble surpriza fakto estas, ke laŭ la spertoj de internaciaj helptaĉmentoj eĉ enloĝantoj de tre foraj regionoj en malbonaj ekonomiaj cirkonstancoj posedas klerajn poŝtelefonojn kun ofte sufiĉe bona retaliro. Tiu estis jam kelkfoje uzita por akiri kaj peri informojn, kiuj estas uzeblaj kaj por taksado de bezonoj kaj por gvidado de helpfortoj en la koncernaj regionoj. Kompreneble katastrofo estas plej ofte ne antaŭvidebla okazaĵo. Tamen helpo estas bezonata eĉ ankoraŭ multajn semajnojn aŭ monatojn poste. Ofte la skipoj de helporganizoj estas – se eblas – trejnataj dum kelkaj tagoj aŭ semajnoj antaŭ la eklaboro por prepari ilin al la specifaj cirkonstancoj de la okazaĵo, ĉe kio ili devas helpi. Instrui medicinistojn pri Esperanto, kapabligi ilin uzi ĝin entute ne estas nova ideo. Ekzistas historiaj kunlaboroj inter la Ruĝa Kruco kaj la UEA. Ekde la fondo de la Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA) en la jaro 1908 faka asocio ene de ĝi disponigas taŭgan fakan vortaron, kaj montras, ke Esperanto funkcias en medicinaj rondoj. Specialaj lernolibroj por medicinistoj estas en preparo. Nova ideo estas ankaŭ oferti intensan Esperanto-kurson al lokaj respondeculoj, kiuj okaze de katastrofoj en decidaj pozicioj kunlaboras kun internaciaj helptaĉmentoj.

**Celo de „SUPER”**

1. Prepari intensan Esperanto-kurson speciale por medicinistoj, kiuj partoprenas en internaciaj helpprojektoj okaze de katastrofoj;
2. Disponigi la saman kurson aŭ samnivelan trejnadon al respondeculoj surloke por kapabligi ilin al samrajta komunikado, kiam estas bezonata;
3. Science pruvi, ke la metodo kaj ĝia uzado praktike taŭgas.

**Rimedoj kaj agadoj por atingi la celon**

Evoluigi taŭgan kursprogramon. Se oni pripensas, ke skipoj de sukuristoj, kiuj pretas helpi en ia internacia helpprojekto, estas trejnita kutime dum ĉirkaŭ unu monato, la amplekso de tiu intensa kurso povus esti ekz. 30-foje 2 horojn. La metodo devus esti rekta, ĉar la sama kurso devus taŭgi por lokaj respondeculoj, kiuj ofte ne sufiĉe bone regas la anglan aŭ francan lingvojn. La taskoj estas kolekti scenojn, kiuj ofte okazas je internaciaj helpprojektoj kaj adaptigi la bezonatan vorttrezoron por la kurso al ili. Respondeculo estas: **UMEA** (Universala Medicina Esperanto-Asocio). Prepari kurson en 30 lecionoj. Respondeculo estas: **ILEI** (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj).

Prepari aldonan materialon, simile al speciala „Poŝamiko”. Respondeculo estas**: ILEI.**

1. Programi aplikilon por kleraj poŝtelefonoj, per kiu la kurso povus esti ofertota kaj instruota al lokaj kunlaborantoj en la regionoj, kiuj bezonas helpon pere de porteblaj komunikiloj. Respondeculo estas: **IEI (**Internacia Esperanto Instituto, Hago).
2. Serĉi junan sciencison, kiu ŝatus science sekvi la projekton. Tiu ekstera taksado celas pruvi, ke la finpreparita kurso praktike taŭgas kaj vere solvas problemon. Respondeculo estas: **UMEA.**

Entuziasmigi neregistaran organizon (Ruĝa Kruco, Svisa Helptaĉmento por Humaneca Helpo aŭ simile) apliki „SUPER” en reala helpprojekto. Respondeculo estas: **UMEA.**

**D-ro Christoph Klawe**
prezidanto de UMEA

# La 31-a PSI en WINTERBERG

La Pasko Semajno Internacia (PSI) okazis de la 3-a ĝis la 10-a de aprilo 2015 en la mezmontara “Sauerland”-regiono en la pitoreska urbeto Winterberg de Germanio, kiu enhavas ĉirkaŭ 13 000 enloĝantojn. En la malnova centro videblas kelkaj domoj en trabfaka stilo. Okulfrapis domoj komplete kovritaj per ardezaj tabuloj diversmaniere kombinitaj. La regiono estas ŝatata pro vintraj sportoj, kion ni povis sperti. Estis ankoraŭ sufiĉe da neĝo por profiti ĝin por diversaj ludoj kaj kreado de blanka leporo.




La aranĝon partoprenis 130 geesperantistoj el deko da landoj inter kiuj multaj familioj kun infanoj de ĉiuj aĝoj. Ili tre ĝuis la renkontiĝon. La plej juna estis nur kelkmonata. Etuloj ĝuis ludadon, spektis Mazi-filmon, aŭskultis piĵamajn rakontojn kaj kreis diversajn artaĵojn. La pli grandaj kolorigis T-ĉemizojn kaj ludis tablotenison. La libroservo ofertis ampleksan elekton da diversaj libroj kaj aliajn esperantaĵojn. Eblis profiti saŭnon kaj lui biciklojn. Trinkejo ofertis bierojn, vinojn, aliajn trinkaĵojn kaj dolĉaĵojn. Okazis kelkaj E-kursoj, gimnastikoj, sportoj kaj interesaj prelegoj, inter kiuj menciindas kulturo de daŭripovo, unikodo, origamio ktp. Evoluiga projekto en

Etiopio, raportoj pri Himalajo kaj Hindio estis akompanataj per interesaj bildoj. La partoprenantoj interesiĝis pri enkonduko al la japana lingvo, historia vivmaniero en Litovio, okazaĵoj en nuna Ukrainio kaj ukrainaj kantoj.

Estis donitaj klarigoj pri la memmasaĝo, "Yumeiho" kaj kolor-terapioj.

Interesis kurso pri karateo kaj eblis ĉeesti ĉiutagan fizikan ekzercadon Ĉigongo kaj praktiki "Zumbon". Junuloj havis sian programon, kiu konsistis el kaosludo, turniroj kaj ĉefe el filmo-prezentoj en du ĝis kvar dimensioj. Ne mankis paskaj ovoserĉado kaj vespera fajro, kion ĝuis ĉefe la infanoj. Venis ankaŭ ĵurnalistoj por intervjui kelkajn partopren-antojn kaj poste aperis artikoloj en lokaj ĵurnaloj. Kutimaj posttagmezaj ekskursoj gvidis nin al urbogvidado, al Parko de eŭropaj bizonoj, ercminejo Ramsbeck, al amuzparko "Fort Fun". Interesa estis ekskurso al la proksima urbeto Eversberg, kie ni vizitis interesan [illegible]eon. Krome ni vizitis la urbetojn Oberkirch, Hallenberg kaj Medebach. Multaj profitis belan sunan veteron por arbaraj pied-promenadoj kaj kelkaj biciklantoj malkovris vastan ĉirkaŭaĵon. Vesperoj estis animitaj per diversaj ludoj. Ni ĝuis bingon, pupspektaklon, familian duelon inspiritan laŭ televida ludelsendo. Tre aprezata estis vespera koncerto de klasika ĵazo prezentita de Frank Selten kaj liaj amikoj. La internacia vespero konsistis el kontribuoj de la partoprenantoj. Ni spektis kantadon de la plej malgrandaj infanoj, anekdotojn, kantojn en ukraina kaj Esperanto-lingvoj, gitar-, violon- kaj harpo-ludadon. La venontjara PSI okazos en Bad Hersfeld de la 25-a de marto ĝis la 1-a de aprilo.



*Alex Humet instruas Esperanton*



*Paskaj frandaĵoj ĝojigas infanojn*

**Liba Gabalda**

INTERNACIA FERVOJISTO
64-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

Prezidanto: Rodica Todor (Rumanio)
rodica_todor@yahoo.com

Vicpr: Sylviane Lafargue (Francio)
sylviane.lafargue@dbmail.com

Sekretario: Vito Tornillo (Italio)
vitorni@virgilio.it

Kasisto: Laurent Vignaud (Francio)
laurent.vignaud@free.fr

Redaktora Komisiono:
Gvidanto: István Gulyás (Hungario)
istvan.gulyas@hdsnet.hu
Membroj: J. Ripoche
L. Niemann

Franca poŝtĉekkonto:
Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud"
9 293 74 Y NANTES
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo:PSSTFRPPNTE
UEA-konto: iffk-o
Apermonatoj:
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro
Redaktofino:
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato
ISSN 0230-323x
www.ifef.net

Faka Komisiono:
GV: Jan Niemann
niemann@kabelmail.dk
SK: D-ro Heinz Hoffmann
hoffmann-ifef@cablemail.de
SK: Inĝ Ladislav Kovař
kovar.lad@email.cz

## NASKIĜDATREVENOJ

**La 24.10.2015 s-ro**
**Martin STUPPNIG**
festos sian **90**-an naskiĝdatrevenon
En la jaro 2008 li estis nomumita
Honora Membro de IFEF.

**La 10.05.2015 s-ro**
**Jean RIPOCHE**
festis sian **75**-an naskiĝdatrevenon.
En la jaro 2010 li estis nomumita
Honora Membro de IFEF.

**La 27.09.2015 s-ino**
**Marica BRLETIC**
festos sian **60**-an naskiĝdatrevenon.
En la jaro 2010 ŝi estis nomumita
Honora Membro de IFEF.

**Koran dankon pro ilia plurjardeka rezultohava kaj grava laboro en la fervojista Esperanto-movado.**




*Virinoj en la ĉina urbo Dali*